25ª Jaro - Nº 1 (262) Jara Kotiz-Abono Fr 35.— Januaro 1939ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK-ANTVERPENO



ĈE L'ENIRO DE NOVA JARO

## ĈU OPTIMISME NI RIGARDU LA MONDON?

Per tiu ĉi artikolo, ni rekomencas novan rondon, novan rondon de numeroj de « Belga Esperantisto », nia ĉies tiel kara organo; novan rondon ankaŭ de artikoloj, en kiuj ni, ĉiumonate, klopodas, per la substreko de iu okazantaĵo, de iu jubileo, de iu novaĵo, alkonduki la legantojn en la veran atmosferon en kiu stagnas aŭ antaŭenmarŝas nia movado.

Kaj ĉe l'komenciĝo de tiu ĉi nova rondo, ni volas, kiel oni tion kutimas fari, retrorigardi momenton, por tiam, tuj poste, denove antaŭenrigardi al la estonto, kiu tamen estas nia ĉies celo.

Kion la jaro 1938 alportis al ni?

Super ĉiu ideo pri nia movado aŭ pri kiu ajn alia afero, kiu nin okupas en niaj liberaj momentoj, elstaras, kiel malĝojiga mejloŝtono sur kruta vojo, la danĝero, kiu nin ĉiujn minacis antaŭ kelkaj monatoj: la danĝero de nova kruela, senkompata milito, kiu estus detruonta ne nur niajn domojn, niajn urbojn, nian landon kaj, kun ĝi, la landojn de ĉiuj la aliaj homoj, al kiu ajn nacio ili apartenas; sed kiu plie mortigus ankaŭ ĉiun ideon pri pli bona, pli bela mondo!

Sed tiu danĝero jam ŝajnas for. Ni jam preskaŭ ne plu pensas pri ĝi.

Ni eĉ ne kredis, ke estus utile, ke ni faru pri ĝi nian propran konsciencekzamenon.

Antaŭ kelkaj jaroj ankoraŭ, se iu estus parolinta pri eventuala nova milito, — post tiu alia milito de 1914-18, kiu tamen estis certe la lasta! — oni estus kulpiginta lin; oni estus konsiderinta lin, kiel frenezulon.

Kaj nun, — miru —, ĉiu jam akceptis la ideon pri tiu milito, — kun teruro ja; kun ploro en la gorĝo, pro la perdoj, kiujn ĝi okazigus en nia propra familia kaj amikara rondo; sed tamen, kiel ion neeviteblan!

Sed se tamen ni volas fari la konsciencekzamenon, kiun ni rifuzis fari ĝis nun, ni konsideros ke ni, kiuj apartenas al movado pacama, tio signifas homama, havas en nia koro, pli da malamo, al iuj homoj, ol da vera amo al la aliaj.

Se ni daŭrigas nian konsciencekzamenon, ni konstatos, ke, sub la falspreteksto de ideologioj diversaj, ni alvenis al tiu rezultato, ke se ni povus — kompreneble ne per tranĉilo, ĉar ni timus la sangon ĉe niaj manoj —, sed per pensoj, mortigi aliajn homojn, fratojn, kiuj ne havas la samajn opiniojn kiel ni, NI FARUS.

Ni diras falspreteksto, ĉar vortoj kiel Justeco, Honesteco, Libereco, neniam povas esti uzataj, por kovri tiajn abomenindajn ideojn, kiuj permesas al ni mortigi, enpense, aliajn homojn, ĉu ili estas demokratuloj aŭ aŭtokratoj; ĉu ili estas simplaj homoj aŭ diktatoroj de dekstro aŭ de maldekstro.

Kaj jen kuŝas la granda danĝero pri milito. Ke ĉiuj ni, preskaŭ senescepte, ni ĝojus ja pri la morto de alia homo, se nur tiu homo apartenas al alia ideologio, estas gvidanto en tiu alia kampo de homaj pensoj kaj ideoj.

Kaj kiam ni, super tiu ĉi artikolo, metis « **Ĉu optimisme ni rigardu la Mondon?** » ni respondas:

Tio ne dependas de la grandaj demokratuloj, ĉu iliaj nomoj estas Chamberlain aŭ Daladier; tio ne dependas de la grandaj aŭtokratoj, ĉu ili nomiĝas Hitler aŭ Mussolini aŭ eĉ Stalin.

Tio dependas nur de ni, la simplaj homoj, kies simpleco jus devas esti sufiĉe forta, por ke ĉiuj paroladoj, ĉiuj argumentoj, kiujn la ideologi-defendantoj antaŭmetas al ili, neniam povas instigi ilin al penso, kiu estas kontraŭa al tiu simpla homa idealo, kiu devas nin regi en ĉiuj niaj agoj, kaj kiujn la multaj kristanoj inter ni, ĵus antaŭ kelkaj tagoj, memorigis, kiam, meze de la nokto en la preĝejo, ili kantis ne nur en nia lando, sed en ĉiuj la landoj de la mondo:

« **Paco sur tero al ĉiuj homoj bonvolemaj** ».

Tio dependas de ni! Ni mem faru la estonton optimisme! Ni mem kontraŭstaru, eĉ ĉe niaj plej bonaj amikoj, ĉiujn pensojn, kiuj povas ŝajni kompreneblaj, justaj eĉ, sed kiuj, funde tamen, estas kruelaj kaj kontraŭ la principo de la homaranismo, kiun ni, en ĉiuj niaj grupoj, prikantis dum tiu alia festo en la mezo de la decembra monato, la festo de Zamenhof, la festo de nia Majstro.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Reĝa Belga Ligo Esperantista
*kaj ĝia organo*
" Belga Esperantisto "
*prezentas siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro.*

**Tiu ĉi numero aperas, — pro ŝparcelo — sub iom alia formo kaj precipe sur malpli luksa papero.**

**Niaj membroj tre certe komprenos, ke ni nepre volas ekvilibri nian budĝeton.**

**Aliflanke, la numero, pro tiuj ĉi ŝanĝoj kaj ankaŭ pro la frosto, kiu elordigis la gasfornojn, kiuj varmigas niajn linotipojn, ĝuste en la antaŭ-novajara periodo jam tiel peza, aperas kelkajn tagojn pli malfrue, ol ni mem esperis.**

**Ni tamen estas certaj, ke nia legantaro kontentiĝos pri la nova aspekto kaj ne malkontentiĝos pro la ioma malfrueco.**

★

**Pri la enŝovo, en la pasinta numero, de la artikolo de nia samlandano S-ro Richez pri « Abato Richardson », ni ricevis gratulojn de malnovaj samideanoj kaj ankaŭ de unu el ili, S-ino Elworthy-Posenaer, alian same interesan leteron kun peto ĝin same presigi.**

**La letero estas jam kompoŝtita, sed, pro manko da loko en la nuna numero, ĝia apero estas prokrastata ĝis la monato de Februaro.**

★

**Nia Liga kasisto petas nin krome atentigi la kasistojn de la grupoj, pri la kotizpartoj pagotaj al la Ligo. Tiuj kotizpartoj estas pli altaj ol la antaŭaj jaroj, sed, aliflanke, — kiel oni vidos el ĉi malsupra raporto, — la grupoj rajtas depreni malgrandan sumon de la kotizoj de I.E.L.**

## Komitatkunveno

### DE LA 11-a DE DECEMBRO 1938

Dimanĉon, la 11-an de Decembro, okazis, en la hotelo « Albert I », en Bruselo, komitatkunveno de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Gin partoprenis S-ro P. Kempeneers, prezidanto; F-ino Y. Thooris kaj S-ro Maur. Jaumotte, gevicprezidantoj, kaj S-ro Ch. Poupeye, sekretario kiuj matene jam havis unuan preparigan estrarkunsidon, kaj S-ro Cogen, emerita vicprezidanto; S-ino Elworthy, emerita administrantino; S-ro Swinne, sekretario libertempanta; S-roj J. Alofs, Caffonnette, Decoster, Faes, F-ino Jennen, S-roj G. Van den Bossche, Cl. Vandevelde kaj A. Wauters, geadministrantoj, kaj S-roj Robert kaj M. Roost, komisaroj.

La Prezidanto klarigis, ke pro peto de la ĉeforganizonto de nia Kongreso, en Hasselt, esti malŝarĝata de la tasko al li konfidita kaj konsiderante ke la tute personaj kialoj estas efektive akceptotaj, la estraro devis rekonsideri la elekton de alia urbo.

La estraro indikis Lovenon, sed ĉar ĝi nunmomente ne jam estas certa pri akcepto de la lokaj samideanoj, ĝi deziras ekkoni la dezirojn de la administrantoj por ke ĝi povu, poste, preni firman decidon.

La administrantaro ankaŭ plej multe ŝatas Lovenon, kiu permesos eventuale, same kiel Hasselt, viziton al la Lieĝa Ekspozicio, la lundon.

Alia eventualeco estus Tongeren, pri kiu povus sin okupi S-ro Alofs.

2.— **Ekzamenoj:** Ekzamenoj estis anoncataj por la 5-a de Marto.

Pro la nova regularo, nur povos okazi ekzameno pri supera kapableco kaj nur unu jaron poste: ekzameno pri profesora kapableco.

Car tamen jam 18 kandidatoj el la urbo Brugo sin enskribigis por la 5-a de Marto nur, la estraro decidis rezervi tiun tagon al la Bruĝaj kandidatoj, dum alvoko estos farata, por ke, ankaŭ kandidataj el aliaj urboj sin anoncu por alia dato ankoraŭ fiksota.

Tiu dua ekzamena tago okazos en la urbo, kiu plej bone konvenas al la plimulto de la kandidatoj.

F-ino Jennen prezidos la ekzamenan komisionon kaj estos helpata de S-roj Maur. Jaumotte kaj Cl. Vandevelde. S-ro Kempeneers mem akceptis eventuale anstataŭi unu el la juĝantoj.

3. — **Rapidaj kursoj laŭ rekta metodo:** La administrantaro konsentas pri la organizo de rapidaj kursoj, laŭ rekta metodo, ĉu kun la helpo de diplomita Ĉe-profesoro, ĉu de alia, kiu povos dediĉi sian tempon al tiuj kursoj.

Serio da kursoj estas antaŭvidata en la ĉirkaŭaĵo de la elektota Kongresurbo, dum S-ro Caffonnette ankaŭ instigas al la organizo de tiaj kursoj en la karloreĝa regiono.

4. — **Internacia Kongreso en Bern:** La Svisa Turisma Oficejo disponigas filmon pri la lando de nia Kongreso. La grupoj povas akiri tiun filmon, senpage, por prezentado. Ili sin turnu al la Prezidanto, sed devos kompreneble mem zorgi pri aparato kaj pri persono, kiu montras la filmon, kiu konsistas el 4 bobenoj 16-mmaj (daŭro de la prezentado proks. 1 horo).

5. **Faldfolio pri nia Ligo:** Tia faldfolio estos baldaŭ eldonata, **kun adresoj utilaj.**

6. — **Esperanto kaj radio:** S-ro Robert faris bonan propagandon, kiu alkundukos verŝajne al kelkaj disaŭdigoj, en la kadro de la porlernejaj elsendoj. Tre verŝajne, la unua dissendo povos okazi la 13-an de Januaro.

Inter la diversaĵoj, estis findecido, ke, el kotizoj por I. E. L., la grupoj povos konservi 5 % el la maklera sumo, dum B.L. ricevos la aliajn 5 %.

7. — La eksiĝo kiel sekretario, de S-ro Swinne estas akceptata.

★

Post tiu ĉi kunveno okazis la jarfesteno de la Brusela Grupo, pri kiu aperos raporto en nia sekvanta numero.

## Niaj korespondaj kursoj

Ĉiuj niaj legantoj, ĉiuj membroj de « Belga Ligo » scias, ke Belga Esperanto-Instituto eldonis, antaŭ kelkaj monatoj, du KORESPONDAJN KURSOJN, unu en flandra, unu en franca lingvo.

En la lastaj monatoj, ni ne plu atentigis pri tiu ekzisto. La grupoj efektive en Oktobro reorganizis ĉiuj novajn kursojn kaj estas ĉiam preferinde alirigi lernanton al parola kurso, ol varbi lin por korespondа.

Nun tamen, en la diversaj urboj, la organizitaj kursoj jam preskaŭ finiĝis aŭ baldaŭ finiĝos.

Estas la momento por daŭrigi nian propagandon en alia senco.

La KORESPONDAJ KURSOJ nun estas plej rekomendindaj por ĉiuj, kiuj deziras lerni Esperanton kaj kiujn ni ne povas direkti al kurso ordinara.

La KORESPONDA KURSO cetere estas tre malmultekosta: **Fr. 10,—**, por la kvin lecionoj, senditaj hejmen.

Tiuj, kiuj deziras apartan korektadon de siaj taskoj, pagu al la P. Ĉ. K. de B. E. I. sumon de Fr. 25,— anstataŭ Fr. 10,— kaj profesoro speciale priatentos tiujn lernantojn.

La membroj, kiuj deziras unuajn lecionojn por la propagando kaj por varbi novajn Esperantistojn, povas akiri tiajn je la prezo de Fr. 2.—.

Ĉiuj atentu do! Kaj ĉiuj kunhelpu!

**NE FORGESU**
**PAGI VIAN KOTIZON**

# Kaj nun al Loveno

La izoluloj verŝajne ne jam scias.

La membroj de la grupoj, kiuj ĉeestas regule la kunsidojn, verŝajne jam aŭdis: Nia nacia Kongreso dum Pentekosto proksima NE okazos en Hasselt.

La Ligestraro elektis, antaŭ kelkaj monatoj, Hasselt, ĉar iam Belga Ligo havis tie grupon; ke tie postrestis kelkaj malmultaj elementoj, kiuj eble povus organizi nian jarfeston kaj tiel iniciati novan vivon esperantan.

Pro hejmaj cirkonstancoj, do tute personaj, S-ro Van Genechten, nia jam malnova kaj fidela membro, devis peti, ke oni deprenu de liaj ŝultroj la zorgon, nun tro pezan, organizi nian Kongreson.

Tuj la Ligestraro haltigis ĉiujn laborojn, rilate al Kongreso en la ĉefloko de Limburgo, rezervante tiun provincon por proksima Kongreso en la flandra parto de la Lando.

Interkonsente kun la administrantaro, kiu havis, antaŭ kelkaj tagoj, sian kunsidon en Bruselo, paŝoj estis tuj farataj, por ke nia Kongreso povu okazi en alia flandra urbo.

Kaj kiun pli bonan alian lokon ni povus trovi ol LOVENO, kie ni havas junan, viglan grupon, kun ankaŭ juna, vigla gvidanto, kiu tre certe ne povos alpreni ĉiujn taskojn sur sin, sed kiun la Ligestraro mem povos helpi, plene sukcesigi tiun Kongreson.

LOVENO estas elektinda, speciale en tiu ĉi jaro 1939, ĉar, — laŭ la deziro esprimita de multaj membroj, kiuj intencis iri al Hasselt, — ankaŭ el Loveno, eĉ pli facile ol el Hasselt, la lunda ekskurso,



La urba Teatro



La Urbdomo

povos iri al Lieĝo, la valona fratUrbo, en kiu okazos internacia Ekspozicio, pri kiu oni povas esperi, ke, je Pentekosto, ĝi ne nur estos oficiale malfermita, sed ankaŭ finpreta.

La proksimeco de Loveno kaj la ebleco rezervigi vagonojn en direkta vagonaro Bruselo-Lieĝo, permesos al la Kongresanaro, alveni en la Ekspozicion, jam ĉe l' malfermo de la pordoj, tamen ne forirante tro frue el la Kongresurbo, kaj resti vere tiel longtempe kiel oni dezirās vespere, ĉar, dum tiuj tagoj, ĉiuhore, vagonaroj forlasos Lieĝon al ĉiu direkto.

Pri la urbo mem, ĉiu konsentos, ke ĝi estas, laŭ vidindaja vidpunkto, eĉ pli alloga ol la unue elektita urbeto; laŭ facileco ĝin atingi, multe pli taŭga; laŭ eblecoj, komforte kaj ne tro multekoste loĝi, preskaŭ la idealo.

Nia devizo do nun estas: CIUJ AL LOVENO!

★

La L. K. K.-anoj, kies nomojn ni citos en la sekvanta numero, jam informis nin, ke ili, sub la gvidado de S-ro Maurice Wauters, la unuajn aranĝojn jam prenis.

La diversaj okazontajoj, — kunsidoj, festeno, festo kaj balo, — havos sian oportunan lokon en la « Hotelo Ratteman », Pariza Strato, kie ankaŭ estas la adreso de la L.K.K.

# Karavane al Bern

Belgujo estas nur malgranda lando.

Malgranda estas tial ankaŭ ĝenerale la karavaneto, kiu direktas ĉiujare siajn paŝojn al la Kongresurbo internacia.

Tiun ĉi jaron tamen, la Universala Kongreso okazos en lando, kiu ĉiam, en unua vico, altiris la belgajn amantojn de naturbelaĵo.

Svisujo... Kiu grava societo, kiu jurnalo, en la daŭro de la jaroj, ne organizis iam specialan vojaĝon, rezervitan al sia membraro aŭ al sia legantaro, al tiu tiel alloga lando!

Kaj malgraŭ la malgrandeco de nia lando, malgraŭ la proporcie malgrava nombro de nia batalanta esperantistaro, ni tamen povas esti certaj, ke la nombro de la belga partoprenontaro al la Kongreso de Bern estos pli granda, ol iam antaŭe; pli granda ol la plej optimismaj ĝis nun kuraĝas supozi.

Tial nia nacia Koopera Societo « Belga Esperanto-Instituto » decidis, organizi, kun la teknika helpo de unu el la plej gravaj vojaĝoficejoj de la lando, **GRANDAN KARAVANON,** al kiu ne nur aliĝos ĉiuj Belgaj samideanoj, sed ankaŭ multaj nederlandaj kaj anglaj kaj eble ankaŭ skandinavaj amikoj.

Kvankam ĉiuj detaloj ne estas jam nun fiksitaj, ni povas informi niajn legantojn, ke la vojaĝo okazos laŭ ĉi subaj tre favoraj kondiĉoj, kiujn neniu, individue vojaĝanta, kongresano iam aŭ iel povos akiri:

**FORIRO el Bruselo Sabaton, la 29-an de Julio, je la 7-a h. 57 kaj alveno en BERN, je la 20-a h. 42. PLENA MANĜO — LOĜADO.**

**Dimanĉon, 30-an, ĝis Vendredo, la 4-a de Aŭgusto (tio estas 6 plenaj tagoj): TRI MANĜOJ KAJ LOĜADO.**

**Lundon, la 5-an de Aŭgusto: MATENMANĜO. — FORIRO AL BASEL. — TAGMANĜO EN BASEL. — Daŭrigo al BRUSELO. — VESPERMANĜO en la restoracia vagono. — ALVENO EN BRUSELO, je la 22-a h. 55.**

**PREZO DE LA VOJAĜO:**

**Kategorio Hoteloj «du Cerf», «National », « Ruof », « Simplon » aŭ bonegaj pensionoj ..............b.fr. 1.050**

**Kategorioj Hoteloj « Bubenberg », « de la Gare », « Jura », « Métropole », « Waechter », « du Sauvage », « Gurten Kulm »......b.fr. 1.100**

**Kategorio Hoteloj « Bristol », « Baeren », « Beau Site », « City », « Gothard » kaj « Savoy » ...b.fr. 1.195**

**Kategorio Hoteloj « Bellevue », «Palace» kaj «Schweizerhof» b.fr. 1.350**

**Tiuj prezoj estas kalkulitaj kun tiketo 3-a klaso. Por tiketo duaklasa inter Bruselo kaj Basel: krompraĝo de...b.fr. 115**

En la sekvanta numero, de nia revuo,

# BELGA KRONIKO

**Atentu !** **Niaj membroj kaj abonantoj estas petataj repagi, kiel eble plej baldaŭ, sian kotizon, rekte al la kasisto de la grupo al kiu ili apartenas; se ili estas izola membro al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo 1337.67. Al la kotizo de la grupo aŭ de la Ligo (Fr. 35) oni aldonu la kotizon de I.E.L. se oni estas M.J., M.A. ktp.; oni eventuale ankaŭ aldonu la abonprezon por « Heroldo ». (Vidu kotizojn p. 7.)**

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 20a h. 30.

**La membroj pagu sian kotizon tuj al P.Ĉ.K. 726.54 de la grupo.**

Sabaton, la 7-an : Societaj ludoj, en la « Esperanto-Domo ».

Sabaton, la 14-an : Parolado de F-ino M. Hofkens, pri « Legmetodo en la lernejoj » (en « Witte Leeuw »).

Sabaton, la 21-an : Parolata jurnalo, en « Witte Leeuw » **(Ĉiu kunlaboru.)**

Sabaton, la 28-an : Ĝenerala jarkunveno en « Witte Leeuw »; disdono de medaloj al la jubileantoj kaj de diplomoj al lernintoj.

Dimanĉon, la 29-an : Jara festeno, en « Roi Albert », Reĝin Astrid-placo. Prezo Fr. 25,— trinkmono enkalkulita (sed sen trinkajoj). La aliĝojn akceptas la estraranoj en ĉiu kunveno kaj ankaŭ telefone je Noj. 777.58 (prezidantejo); 267.21 (vicprezidantejo); 94134 (Esperanto-Domo).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn » ĉe S-ano Jéhansart, place Simon Stevin. Tel. 318.23.

Kunvenoj dum januaro 1939-a, ĉiuj en la Kunvenejo:

Mardon, la 10-an : a) Kurso : 2-a leciono (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris); c) Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto » (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

Mardon, la 17-an : a) Kurso : 3-a leciono (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Kantado, gvidado S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano : S-ino H. Van Roye.

Mardon, la 24-an : a) Kurso : 4-a kaj 10-a lecionoj pri la verboj (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Debato « Por aŭ kontraŭ Radio » (Prez. S-ro H. Van Roye).

Mardon, la 31-an : Ĝenerala Jarkunsido de la grupo : (Prez. F-ino Y. Thooris). Raportoj, elekto de la komitato, kritikoj kaj proponoj. Ĉiuj membroj ĉeestu!

BALO : La 11-an de Februaro, je la 21-a, okazos en « Muntpaleis — Palais de la Monnaie », la granda ĉiujara balo de la grupo, kun belegaj danc- kaj muziknumeroj. Ĝi estos privata kaj do rezervata al la membroj aktivaj kaj apogantaj. La nombro da lokoj estas nepre limigita. Oni do de nun enskribiĝu ĉe la organizantoj.

La karto de apoganta membro por 1939 kostas 5 Fr. pagotaj al la organizantoj aŭ al la P. Ĉ. K. de la grupo N-ro 2340.04.

BIBLIOTEKO malfermata en la Sidejo ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : F-ino M. Vanden Berghe kaj S-ro K. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantajoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantajoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie; (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :

De la 7-a ĝis la 8-a ŝakludoj (profesoro S-ro Adv. Gordyn) kaj dancleciono (profesorino F-ino Kallen).

De la 8-a ĝis la 9-a kurso (profesorino: F-ino Obozinski; perfektiga kurso: S-ro Vander Stempel).

De la 9-a ĝis la 10-a: kunveno.

Lundon, la 9-an : Jara ĝenerala kunveno (elekto de la komitatanoj por 1939; raportoj pri la agado de la grupo en 1938).

Lundon, la 16-an : ludoj kaj kantvespero.

Lundon, la 23-an : Debato enkondukota de S-ro Hart.

Lundon, la 30-an :

CHARLEROI. — **« Cercle Polyglotte »,** Passage de la Bourse. Paroligaj kunvenoj ĉiusabate je la 19a h. 30.

LOVENO. — **Lovena Grupo.** — Ĉiuj merkredoj kaj vendredoj, en la kutima ejo Hotel Ratteman, kurso (de la 20-a ĝis la 22-a).

Merkrede kaj vendrede kurso de la 20a ĝis 22a; la 13an de Januaro : lasta leciono.

Merkrede, la 18-an de Januaro : legekzercado.

Vendrede, la 20-an : gaja babilado.

Merkrede, la 25-an : Kantvespero (lerno de la Espero : la Tagiĝo).

Vendrede, la 27-an : Legado el Fundamento krestomatio.

Merkrede, la 1-an de Februaro : Parolata jurnalo - kanto - humoro.

Vendrede, la 3-an : El fundamento.

Merkrede, la 8-an : Gazetkomento, Belga E-isto, E. I. k.t.p.

---

ni donos pli da detaloj pri tiu ĉi vojaĝo, kiu, tre certe, iĝos granda sukceso kaj estos plej agrabla, sed ni tamen ankoraŭ volas aldoni, ke, por faciligi la kuniron, BELGA ESPERANTO-INSTITUTO organizas ŝparfakon.

Ĉiu, kiu aliĝas nun, pagu al la P.Ĉ.K. de B.E.I. en la komenco de ĉiu monato (do ankaŭ en la unuaj tagoj de tiu ĉi monato Januaro, sumon de Fr. 150.—) kaj je la momento de la foriro, li nur ankoraŭ devos zorgi por iom da trinkmono, por la malgrandaj elspezoj.

Ni atentigas niajn legantojn, ke estas dezirinde ke la aliĝoj al tiu ĉi karavano alfluu kiel eble plej rapide, por ebligi la plej bonan organizon.

## GRUPAJ RAPORTOJ

ANTVERPENO. — **« Reĝa Esperanto Grupo « La Verda Stelo ».** — La 3-an de Decembro okazis en « Atlantic » (Frascati) la ĉiumonata manĝvespero. Tiun ĉi saŭrkraŭtvesperon ĉeestis multaj gemembroj, kiuj pasigis bonan vesperon.

La 10-an, la membroj ĉeestis la Zamenhoffeston de E.K.I., pri kiu oni trovos poste malgrandan raporton.

La 17-an, la membroj kuniĝis en « Witte Leeuw», por la Kristnask-festo, por kiu ĉiu kunportis surprizon. F-ino Verhelst kaj S-ro Jons, pianoforte akompanataj de S-ino Faes-Janssens, kantis belegajn Kristnask-kantojn, kiuj estis varme aplaŭdataj, dum S-ro Lodema komencis la vesperon per legado de interesa Kristnask-novelo de Lode Monteyne.

S-ro Jaumotte dankis ĉiujn kunlaborantojn kaj poste lotumigis la surprizojn, meze de la ĝenerala gajeco same kiel du belegajn brodajojn de S-inoj Van Bockel kaj Lodema, kiuj, tiel, multe helpis al la pliriĉigo de la kaso.

Dimanĉon, la 18-an, posttagmeze, la gefiloj de la membroj estis kunigitaj kaj je l' fino de agrabla kunesto, ĉiuj ricevis belan premion.

La 24-an, ne okazis oficiala kunsido pro la Kristnaskvespero, kiun multaj ŝatis festi en familia rondo.

**E. K. I.** — Nia Antverpena sekcio aliĝis al speciala komitato, starigita antaŭ kelkaj semajnoj, por ekzameni la eblecon de kunlaboro, inter la diversaj lokaj grupoj.

En tiu komitato, kiu alprenis la nomon de « *Esperanto-Komitato Inter-Grupa* » nun kunsidas delegitoj de diversaj grupoj. La Prezidanto de « La Verda Stelo », S-ro Maur. Jaumotte, iĝis ĝia prezidanto dum S-ro Van Dooren funkcios kiel vicprezidanto; S-ro Van Gindertaelen, kiel sekretario; S-ro Jos. Beeckmans, kiel kasisto kaj S-ro Faes, kiel festdirektoro.

La unua vivelmontro de la Komitato estis la organizo de granda Zamenhoffesto, kiu okazis, en la salonego « Katedralo », Melkmarkt, kiu pleniĝis tute. Pli ol 250 gesamideanoj ĉeestis tiun feston, kiu estis agrabligata per koncerta parto, al kiu partoprenis S-ino Lucette Faes-Janssens, pianistino; S-ino Maria Lepomme, deklamistino; S-ino Mad. Spiessens, soprano, kaj F-ino Jeanne Verhelst, alto, kaj S-ro J. Van den Eynde, humora deklamisto.

Ĉiuj tiuj artistoj akiris aplaŭdegon.

Post paŭzo, F-ino M. Jacobs kaj S-ro Vermuyten, unuvice, kaj F-ino M. Hofkens, kaj S-ro K. Ameryckx, alivice, prezentis « La Grafo mortinta », de Jaum Grau Casas, kun la parodio de S-ino Faes, kiun ili jam montris al ni dum la Kongreso en Antverpeno.

Ankaŭ ili rikoltis grandan sukceson, danke certe ankaŭ al la bona kunlaboro de la festdirektoro S-ro Faes.

Inter du partoj de la festo, S-ro Jaumotte,

liris en Esperanto kaj en nacia lingvo, la ĝojon, tiu estas lia, salutante tiom da geamikoj.

Li poste, en bonegaj vortoj, skizis la figuron de nia Majstro, dum li aplaŭdigis lian Idealon.

Granda dancparto konkludis tiun bonegan vesperon.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 22-an de novembro okazis skribaj konkursetoj sub gvidado de S-ro H. Van Roye. Monkolekto por la S-ta Nikolao-festo de la orfoj, sumiĝis je 43 fr. 35. Dua parto de la kunveno estis dediĉata al kantado kaj speciale al lernado de la « Frata Marŝo ».

Dum la kunveno de la 29-a de Novembro, estis disdonataj la premioj al la gajnintoj de la konkursetoj de la antaŭa semajno. La ĉefajn premiojn gajnis : F-ino Suzanne Vanden Berghe, S-roj Florent Verplancke kaj Julien Roose, F-inoj Cécile kaj Madeleine Willems. Gaja portretludo finis tiun vesperon.

Surpriza vespero okazis la 6-an de Decembro, okaze de la S-ta Nikolao-festo. S-ro Spoon estis elektata kiel prezidanto de tiu kunveno. Kvardek premioj, inter kiuj belaj kaj amuzaj, estis dislotataj sub lia gvidado.

La 13-an de Decembro estis dediĉata al solena rememorigo de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Kvardek ok gemembroj ĉeestis en la bele ornamita salonego de « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », kie multaj libroj kaj esperantaĵoj estis ekspoziciataj. F-ino Thooris, en sentoplena parolado rememorigis la altan figuron de la Majstro kaj alvokis al fidela sekvo de lia ekzemplo.

La lasta leciono de la elementa kurso, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, estis donata la 6-an de Decembro kaj sekvata de multaj ĝisine fidelaj lernantoj. Post la lastaj klarigoj, F-ino Thooris, nome de la komitato, kaj F-ino Marie-Thérèse Roose, nome de la gelernintoj esprimis siajn dankojn al la kursgvidinto. Tiu lasta redankis kaj esprimis la esperon ke ĉiuj gelernintoj nun fidele sekvos la mardajn kunvenojn kaj tiel prenos siajn vicojn en nia amika rondo.

GENTO. — **Genta Grupo Esperantista.** — La dimanĉon, 18-an de Decembro, la Grupo festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, per komuna tagmanĝo en la restoracio « Mercator ».

Tiu kunveno, plena je amikeco, estis honorita per la ĉeesto de S-ino Petiau, kiun la prezidanto speciale salutis, memorigante pri ŝia edzo, fondinto de la Grupo. Oni gratulis kelkajn partoprenantinojn, tiel favoraj al Esperanto, ke ili volis naskiĝi, kiel D-ro Zamenhof, en Decembro !

Post la manĝo, okazis « akademia kunsido », pri la verkoj kaj la sentoj de Zamenhof ; dum tiu kunsido, la sukcesintoj de la lasta ekzameno pri lernado, F-ino Claeyssens, S-ino Bruslet, S-ro Timmerman, ricevis diplomon.

La tria parto, konsistis el legado de la unua akto de la komedio « Georgo Dandin », tradukita de Zamenhof. Ĝin legis, parte S-ino De Rijcke, parte la prezidanto.

Specialan dankon meritas S-ino De Rijcke : ŝi legis la paroladon pri D-ro Zamenhof, redaktitan de la prezidanto, kiu ne legis ĝin mem, pro iom da malvarmumo ĉe la gorĝo. Alie, paroloj pri la sentoj de Zamenhof pli bone sonas per virina voĉo.

La amika festeto, komencita je 13 h. 30, finiĝis je la 18a, post diversaj amuzajoj, gvidataj lerte de S-ino De Rijcke.

LA LOUVIERE. — **Esperantista Grupo de la Centra Regiono.** — Sabaton, la 17-an de Decembro, kaj okaze de la Zamenhof-tago, la grupo organizis, en la « Hôtel du Commerce », plej bone sukcesintan festenon, kiun prezidis S-ro Tassin. Tiu ĉi estis ĉirkaŭata de S-roj Emonts, prezidanto de la Industria Alianco, Schmitz, Bonge, Saintes, Hottois, Villez, k.t.p.

Je la deserto, S-ro Tassin alparolis ĉiujn esperante kaj poste france. Li dankis ĉiujn partoprenantojn pro ilia ĉeesto kaj poste skizis la vivon de nia Majstro.

La Prezidanto fine trinkis je la memoro de D-ro Zamenhof kaj la sukcesigo de lia idealo de frateco.

Poste, dank' al la kunlaboro de diversaj membroj, la vespero ankoraŭ longtempe daŭris en plej agrabla atmosfero.

LOVENO. — **Grupo Lovena.** — La kurso finiĝos la 13an de Januaro.

Ekde tiam okazos kunvenoj, kiuj havos ĉiuj diversajn celojn.

La Rondo por Paroladoj (Popol-Universitato) (Cercle de Conférences) bone konata societo en kies propra domego nia grupo kunvenas, helpis nin ĉiumaniere por organizi balon, la 27an de Novembro.

La Tombolo perm sis ŝtopi breĉon (pro tromalmulto de kurssekvantoj) en la deficito de nia kaso.

La estraro esploras la eblon varbadi simpatiantajn membrojn ; ili pagus jare 5.— B. Fr. Por allogi ilin, estos senpaga lot rio, por ĉiu 50 S. M., inter ili (kadro aŭ vazo).

# RIMARKINDA JUBILEO

## La Zamenhofa Lingvo ekzistas de antaŭ sesdek jaroj

### Kvar gravaj jaroj : 1878, 1887, 1905, 1938

Estas kutimo, ke la tutmonda esperantistaro honoras la kreinton de la internacia lingvo, D-ron L.L. Zamenhof, okaze de la datreveno de lia naskiĝtago, la 15-an de Decembro.

Tion ni ankaŭ faris en nia numero de la pasinta monato.

Ni tamen ne povas preterlasi, reveni sur kelkaj detaloj kiuj preskaŭ koincidas kun tiu 15-a de Decembro.

Ni ja pasintan monaton povis diri ke la Zamenhova Lingvo ekzistas de antaŭ sesdek jaroj.

Efektive estis la 5-an de Decembro 1878 ke juna kolegiano Ludoviko festis kun kelkaj kun-kolegianoj la « naskiĝon » de sia « Lingve Universale ».

Jen kiel Edmond Privat, la esperantista historiisto, rakontas tiun okazaĵon en sia plej interesa verko : «Vivo de Zamenhof» :

En jaro 1878, Zamenhof sidis en la lasta klaso de la Gimnazio. Tiam estis preta jam projekto de lia lingvo, ankoraŭ ne tute simila al la nuna Esperanto. Kelkaj kolegoj interesiĝis al lia longa laborado. Al ili ĝoje li konigis la novan lingvon. Ion tiel simplan kaj facilan neniu el ili antaŭkredis. Fervore ses au sep ellernis la sistemon.

En la gepatra loĝejo ĉe strato Novolipie, Ludoviko havis propran ĉambron, izolitan sur la teretaĝo. Tie kunvenis amikaro lia ĉe l'amata grupestro. Kune ĉiuj fervoradis pri la homa refratiĝo. Alte la revo, granda la tasko. La 5. de decembro ili festis la vivigon de la lingvo. Ĉirkaŭ kuko, de l'patrino ame kuirite, sidis Ludoviko kun kolegoj entuziasmaj. Unuan fojon sonis lia « Lingve universale »...

***

Se fakte nia majstro nur sendis sian lingvon en la mondon en la jaro 1887, do naŭ jarojn poste, ni tamen rajtas diri, ke ĝi ekzistas de 1878, kvankam oni ofte aŭdas : post naŭjara nova prilaborado kaj elprovado estis tute nova lingvo, kiu kuŝis sur la tablo de Zamenhof ».

***

Neniu dubas pri la fakto, ke post la jaroj 1878 kaj 1887, la plej grava jarnombro en la historio de nia lingvo estas 1905.

Estas en tiu jaro, ke fariĝis reala la miraklo ke « homoj kiuj neniam estis vidintaj unu la alian, kaj kiuj parolis malsamajn lingvojn, subite interkompreniĝis, dank al tiu mirinda kreitaĵo : Esperanto».

***

Ĝis nun, certe malmultaj pripensis, ke la pasinta jaro estis la plej grava en la plua historio postmilita.

1938 efektive estis la jaro la plej kriza kiun ni travivis de 1918.

Se dum multaj jaroj kaj tre ofte la vorto milito estis uzata, la lastaj monatoj de la pasinta jaro igis nin pensi, ke tiu katastrofo denove trafos la mondon ; internaciaj malfacilaĵoj, komplikaĵoj kaj fine mobilizacio en diversaj landoj en Eŭropo.

Septembraj tagoj neforgeseble streĉaj ; horoj timplenaj ; ĝis fine kelkaj ŝtatestroj aŭ registargvidantoj sciis solvi la problemon, kaj kiel multaj diras, « prokrasti » la militon...

En tiuj tagoj ni multe pensis pri la estonto de nia lingvo...

La solvo alportis malgrandan bedaŭron, grandegan ĝojon.

Bedaŭro, ĉar denove post la aranĝo

## FAMILIA KRONIKO

### KONDOLENCOJ

Al Ges-roj Jean **Rombouts-Baise**, de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia bopatro kaj patro, S-ro Jules **Baise** (21-11-38).

★

Ni eksciis pri la morto je aĝo de 86 jaroj de S-ino V-ino Armand Mathieux, patrino de S-ro Fernand Mathieux, iama kasisto kaj nun komisaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Ni prezentas al nia bona samideano kaj al liaj parencoj niajn plej sincerajn kondolencesprimojn.

# ESPERANTO EN RADIO

(Januaro 1939)

**Regulaj dissendoj.**

D i m a n ĉ e :
8.45- 9.00 Lille : Esperanto-kroniko.
9.10- 9.25 Kortrijk 204 : Esp.-kroniko de G. Debrouwere.
18.00-18.30 Reykjavik 1442 : Esp.-kurso de Th. Thordarson.
21.30-21.45 PRC 7 Minaia : Momento de Esperanto.

L u n d e :
17.20-17.35 Suisse Romande 443 : Esp.-kurso de P. Bouvier.
18.45-19.00 Montpellier-Languedoc 224 : Kroniko de A. Capoulade.
19.00-20.00 JV 2 RL Caracas 51.72 : Parolado.
20.50-21.05 Roma 2 RO 31.13 : Radio-jurnalo.
22.45-23.30 Paris 431 : Esp.-teatrajo. (Vidu apartan programon.)

M a r d e :
20.20-20.35 Kaunas 1935 ; Klaipeda - Memel 531 ; Lyiae 41 : « Nia anguleto ».
21.00-21.10 Türi 410 ; Tartu 579 ; Tallinn 229 : Esp.-kroniko.
21.25-21.40 PRF3 Sao Paulo 860 : Informoj kaj kurso.
22.30-22.45 PRF5 31.58 ; PRF2 Rio-de-Janeiro 780 : Informoj kaj kantoj dum « Horo de Brazilo ».

M e r k r e d e :
1.45- 2.45 XECR Mexico 50.17 : Informoj.
14.00-14.20 Paris 431 : Esp.-kurso de C. Rousseau.
18.45-19.00 LTI Rosario 384 : Esp.-kroniko.

J a ŭ d e :
9.30- 9.45 Paris 431 : Esp.-kurso.

V e n d r e d e :
1.45- 2.45 XECR Mexico 50.17 : E.-kroniko.
21.50-22.00 Brno 325 ; Praha-Malnik 269 : Esp.-kroniko.

S a b a t e :
9.30-10.00 7 HO Hobart : Esp.-kroniko.
13.45-14.00 Lille 247 : Esp.-kroniko de f-in André kaj R. Curnelle.
16.15-16.30 Loksbergen-Limburg 202 : Esp. kvaronhoro.
17.40-18.00 Roma 245, IRF 30.52 : Turism kroniko.
19.00-19.15 PRF 8 Pernambuco 720 : Esp kurso.
21.25-21.40 PRF 3 Sao Paulo 960 : Informoj kantoj, kurso.
23.30-24.00 Barcelona 377 kaj 42 : Parolado

**Aliaj dissendoj dum januaro**

7.1. ĉ.16.10 Hilversum VARA 1875 kaj 415 Kroniko.
17.10-17.25 Hilversum KRO 301: Informo
17.40-18.00 Roma 245 kaj 30.52: Komenc de la nova Esperanto-konkurso.
20.00-20.15 Johannesburg 49.31 : Pri Sud afriko.
8.1. 15.00-15.25 Wallonia 201 : Esp.-kroniko
13.1. 21.25-22.15 Brno 3235 kaj relajsoj : Esp. horeto. (Eble ĝi ne okazos ; atentu even tualajn pli postajn komunikojn !)
15.1. 20.30-21.00 Shepparton 238 : Pri Esper anto en Aŭstralio.
20.30-21.00 Bulgaraj stacioj 253, 235 ka 35.4 : Pri Bulgarujo.
22.40-23.10 Hilversum KRO 301 : Pre lego.
17.1 18.00-18.25 Irlandaj stacioj (Dublin 531) Pri irlandaj herooj — Wolfe Tone.
18.1. Lyon 463 : Esp.-kroniko.
19.1. 21.00-21.30 Estonaj stacioj 410, 229 Prelego.
21.1. ĉ.16.10 Hilversum VARA 1875 kaj 415 Kroniko.
17.10-17.25 Hilversum KRO 301 : Pri katolika Esp.-movado.
20.00-20.15 Johannesburg 49.31 : Esp movado en Sudafriko.
22.1. 15.00-15.25 Wallonia 201 : La lastaj pr gresoj de Esperanto.
29.1. 22.40-23.30 Hilversum KRO 301 : Pr lego.

**Januara programo de Parizo**

Ĉiulunde je 22.45 (ondo 431 m.) : enondig de Marc Darnault. — Nepre skribu dankleter al : Courrier des Auditeurs, Esperantaj Dissend oj, 107 rue de Grenelle, Paris 7, Francujo. — Jen la januara programo :

9.1. « Mistero de doloro » (fragmentoj), dram de Adria Gual, tradukis el la katalun Fr. Pujula y Vallès. Prezentos s-ro Enge mann.
16.1. « Kantegrip », radiofona unuakta komed de Schewaebel, tradukis André Remon Prezentos s-ro Remond.
23.1. « Vespero », unuakta komedio de Pa Vialar, tradukis Marc Darnault, k « Forlasita », unuakta historieto de E Baas, laŭ Max Maurey, tradukis Ŝamla. Prezentos s-ro Capdebosq.
30.1. « La kara mortinto », unuakta komed de Stanley Houghton, tradukis Kudri Prezentos s-ro Guillaume.

**Se vi deziras senpage vojaĝi kaj vivi en Italu** nepre estu ĉe via radio-aparato la 7-an januaro, je 17.40-18.00 laŭ GMT (18.40-19 MET ; 18.00-18.20 Amsterdama Tempo), tiam komenciĝos la nova konkurso por esp antistoj. Antaŭa aliĝo ne estas necesa. Sed bo aŭskultu !

multaj kvadratkilometroj estos « ne plu por ni », en ili estos aplikataj la leĝoj de la aneksontaj nacioj : denove en tuta regiono Esperanto estos nedezirata !

Tio signifas en malmultaj monatoj, unue la perdon de la plej Esperanto-favora lando Aŭstrujo, — la perdon de granda parto de tiu lando kiu eldonis plej multajn gvidilojn kaj informeldonaĵojn : parto de Ĉeĥoslovakujo.

Nia ĝojo aliflanke estis duobla :

Unue la milito estas evitita kaj, la fakto ke oni sciis eviti ĝin en la momento kiam la tuta mondo estas jam pli ol duone konvinkita ke ĝi estis eksplodanta permesas al ni kredi ke ankaŭ ĉe estontaj malfacilaĵoj la necesaj paŝoj povos denove sukcesi forpaŝigi plej teruran mondkatastrofon.

Due : la priparoladoj preskaŭ fuŝiĝis pro la lingvaj malfacilaĵoj. En antaŭa numero ni jam substrekis ke fakte la interpretistoj estis savintaj la pacon kaj ne la ŝtatestroj, kiuj ja ne sciis kion diris la aliaj...

Sajnas ke tiuj malfacilaĵoj faris grandan impreson sur Chamberlain, kaj eble gravaj paŝoj de la anglaj esperantistoj havos bonegajn rezultojn.

Fakte estas la unua fojo post 1878 ke LA TUTA MONDO diris : tiuj lingvaj malfacilaĵoj tamen estus povintaj malbonege influi la finan rezulton de la diplomatiaj priparoladoj.

Eble tiu malfacila periodo en 1938 malfermos pli facilan enpenetron de nia lingvo en la ĉiutaga uzado...

Sed ni ne tro pensu pri jam registritaj sukcesoj, ni daŭrigu nian laboron por la sekvontaj... H. S.

## BIBLIOGRAFIO

### NOVA ROMANSERIO APERAS !

En la pasinta numero de nia bulteno, ni havis la malĝojigan devon, informi pri la ĉesigo de la eldonado de la EPOKO-libroserio.

Jam nun tamen, ni povas sciigi, ke, laŭ iniciato de la Libroservo de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj, aperos nova serio de plej interesaj romanoj.

La nova serio aperos sub kontrolo de t. n. « Literatura Komitato », fondita de la Federacio kaj kies tasko konsistas en la kontrolo de manuskriptoj kaj ankaŭ en la revizio de jam antaŭe eldonitaj verkoj.

Ĉe la ekfunkciigo de tia komitato, ĉiam tuj ekestas la timo pri troigo tre danĝera ; tiu timo tamen tuj forfalas, pro la fakto ke ĉiuj laboroj kiujn plenumis la Federacio povas nur esti admirataj de la tutmonda esperantistaro.

La unua libro de la nova romanserio kuŝas antaŭ ni, kaj... ni estas kontentaj pri la elekto : « Patroj kaj Filoj », de I. Turgenjev.

Tiu verko aperis unuafoje en 1909 en traduko de la elstara tiutempa esperanto-tradukanto K. Bein (Kabe).

La verko, klasika romano, pentras la vivon en la « Granda Rusujo », de antaŭ 75 jaroj kaj la sinsekvajn konfliktojn inter la novaj kaj malnovaj mondkonceptoj.

La apero de tiu unua romano ne nur signifas la komencon de nova serio, sed la reaperon en plej moderna formo de jam de longe ne plu akirebla havinda libro.

La federacio, kiu garantias akuratan aperigon de la sekvontaj volumoj, promesas sinsekve : La Griza Vilaĝo ; Homoj en Milito ; Kulio ; la Hispana Tragedio kaj Fontamara, ĉiuj en plej bonstila traduko.

Ĉiun duan monaton aperos unu volumo, kiu kostas Hfl 1,75 broŝurita.

Ĉe abono de serio de ses numeroj, tiuj libroj kostos nur po 90 cendojn.

Belga Esperanto-Instituto, 127 Lange Leemstraat, atendas multajn enskribojn de ĉiuj flankoj. HOSO.

# Tra la Mondo

**Esperanto oficiale enkondukita en francaj duagradaj kaj teknikaj lernejoj. Multaj lernej j jam aplikis la cirkuleron de la ministro.**

La 11-an de oktobro 1938 eldonis la franca Ministro por Publika Instruado cirkuleron, kiu permesis la nedevigan instruadon de Esperanto en duagradaj kaj teknikaj lernejoj. Ĝis la komenco de decembro, proksimume 40 lernejoj jam aranĝis Esperanto-kursojn. En la supera nabina lernejo de Saint-Léonard, 200 lernantoj anoncis sin por la Esperanto-kurso. Aliaj lernejaj kursoj okazas en Paris, Besançon, Boulogne-sur-Mer, Châlons-sur-Marne, La Rochelle, Lyon-Villeurbanne, Mulhouse, Niort, Perpignan, Pontarlier, Rochefort, Rouen, Saint-Cloud, Toulon, Tours, Versailles ktp.

En London, Esperanto estas dum tiu ĉi vintro instruata en pli ol 20 diversaj lernejoj kaj institutoj komercaj, teknikaj, literaturaj, edukaj ktp.

**Esperanto en Londonaj lernejoj.**

Generale, en Britujo la intereso por Esperanto grave kreskis en la lasta tempo. La urbestro de la Londona kvartalo S. Pancras ricevis dum unu semajno pli ol 50 leterojn kun demandoj, kie oni povas lerni la internacian lingvon Esperanto.

**Filmo de M.G.M. kun Esperanto-dialogoj.**

La plej konata filmfarejo de Hollywood, Metro-Goldwyn-Mayer, estas fabrikanta novan filmon « Idiot's Delight », kies dialogoj parte estas parolataj en la internacia lingvo Esperanto. Ludas en ĝi Norma Shearer, Clarc Gable, kaj aliaj bonaj geaktoroj. Reĝisoro de la filmo estas la konata Clarence Brown, la sama kiu direktis la plej sukcesojn filmojn kun Rudolph Valentino, Greta Garbo, Joan Crawford, Ramon Novarro, John Barrymore, Jean Harlow k. a. Estis ankaŭ ideo de tiu reĝisoro, la unuan fojon enkonduki Esperanton en grava filmo, kaj certe estos aparte interese, aŭskulti la famajn Norma Shearer kaj Clarc Gable parolantaj la internacian idiomon.

**Unua du-kolora poŝta stampo estis Esperanto-stampo.**

Brazilano eltrovis stampilon, kiu per unu sola frapo samtempe faras diverskoloran stampon. Unuafoje tia stampilo estas uzita en la poŝtoficejo de la Unua Internacia Filatelia Ekspozicio « Brapex » en Rio de Janeiro; ĝi montras verdkoloran stelon kaj nigrakoloran tekston en la lingvo Esperanto. Supozeble tiaj diverskoloraj stampiloj estos de nun pli ofte uzataj en diversaj landoj.

**Amaskunveno por Esperanto en Hago.**

En Den Haag ('s-Gravenhage), la nederlanda rezidenc-urbo, okazis amaskunveno vizitita de 1500 personoj, kiuj postulis unuanime la enkondukon de Esperanto kiel nedeviga instrufako en la lernejoj. — En Hago fondiĝis ankaŭ nacia Komitato por la praktika aplikado de Esperanto por nederlandaj interesoj. La fondiĝkunveno okazis sub la prezido de la urbestro de Hago, s-ro de Monchy, kiu estas fervora amiko de la internacia lingvo; ĉeestis la ĝenerala direktoro de la nederlanda P.T.T. kaj reprezentantoj de nederlandaj industrio kaj turismo.

**Kreskanta intereso por Esperanto en Jugoslavio.**

Balkano iam estis centro de ma'trankvilo, de debeloj kaj militetoj senfinaj. Nun ĝi estas pli vere angulo de paco kaj de progresema celado. En Jugoslavio okazis « Esperanto-Semajno », dum multaj publikaj konvenoj, radioprelegoj, disdono de dekmiloj da flugfolioj ktp., kaj la gazetaro publikigis en tiu semajno 250 artikolojn kaj sciigojn pri Esperanto. Rezulte nun kelkaj miloj da personoj nove studas en Jugoslavio la internacian lingvon.

**Personaro de la Kazino en Bern lernas Esperanton.**

Svislando estas ĉefe lando de turismo. Konsiderante tiun fakton, kaj konvinkite ke dum la nova jaro multaj Esperanto-sciantaj turistoj el la tuta mondo vizitos tiun landon kaj ĝian ĉefurbon, la direktoro, la ĉefkelnero kaj 18 kelnerinoj de la plej eminenta restoracio de Bern, la « Kazino », decidis partopreni Esperanto-kurson, kiun gvidos sveda esperantisto laŭ la rekta metodo.

**Japana purisma movado kaj Esperanto.**

Japana skribo estas tre malfacile lernebla ne nur de eŭropanoj, sed de japanoj mem, ĉar ĝi estas abunde miksita kun ĉinaj skribsignoj. La purisma movado celas anstataŭigi la ĉinajn ideogramojn per signoj de la japana alfabeto « Kana », kiu estas legata fonetike. Esperantistoj laboras man-en-mane kun tiu tre utila movado, kies organo, « Katakana-Jidai », ankaŭ ofte enhavas artikolojn pri la Esperanto-movado.

## Niaj kotizoj

**Ni memorigas ke la kotizo de Belga Ligo estas Fr. 35,—, al kiu tiuj, kiuj nekontentiĝas pri la simpla membreco de IEL, devas aldoni jenajn krompagojn :**

| | |
|---|---|
| **Membro-Jarlibro** | **Fr. 20,—** |
| **Membro-Abonanto** | **Fr. 50,—** |
| **Membro-Abonanto Heroldo** | **Fr. 128,—** |
| **Membro-Subtenanto** | **Fr. 175,—** |

## Esperanto-Libroj malkare

**Samideano kiu estas devigita likvidi sian bibliotekon ofertas la sekvantajn librojn, kiuj ĝenerale estas en bona stato sed portas sur la unua paĝo la nomon de la posedinto.**

| | or. prezo | por |
|---|---|---|
| L.L. Zamenhof : Orig. Verkaro | 100 | 75 |
| Fundamenta Krestomatio | 18 | 10 |
| La Sankta Biblio | 45 | 30 |
| Belga Antologio (2 volumoj) | 50 | 25 |
| Rusa Lernolibro de Esperanto | ? | 3 |
| J. Borel : Vollständiges Lehrbuch Esp.-Sprache mit Schlüssel | ? | 5 |
| Mensogulo kaj aliaj Noveloj | 4 | 2 |
| L. De Beaufront : Grammaire et Exercice de la Langue Internationale Esperanto | elĉ. | 1 |
| Adria Gual : Mistero de Doloro | 5 | 3 |
| Kenngott : Ilustritaj Rakontetoj | 5 | 2 |
| Internacia Dialogaro | 5 | 2 |
| J. Korczak : Bonhumoraj Rakontoj | 4 | 2 |
| Lejzerowicz : Lernolibro por Hebreoj | ? | 2 |
| Swagers kaj Finet : La ĉiutaga Vivo (kun flandra kaj franca tradukoj) | 6 | 3 |
| D. Šimunović : Ano de l' Ringludo | 10 | 7 |
| J. Van Schoor : Amo kaj Poezio | 10 | 7 |

**Aldonu por sendkostoj 10 0/0**

**Oni sendu la mendojn al :**
**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO**
**Lange Leemstraat, 127**
**ANTVERPENO. P.Ĉ.K. 1689.58**

Ni nur povas liveri al la unuaj mendintoj, ĉar ni posedas de ĉiu libro nur unu ekzempleron kiun ni povas vendi laŭ la supraj kondiĉoj. Indiku kun via pago kion ni povas sendi se la libro jam estus forvendita.

## Estraro de "Belga Ligo Esperantista"

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)

**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:** P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :** P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.